# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Oktobro n-ro 10/2009

## ALTNIVELA KONGRESO EN SAN-PAŬLO

De la 10 ĝis la 12-a de oktobro 2009 okazis en la urbo Bauru/SP altnivela ŝtata kongreso, kun la ĉeftemo "Mediprotektado: unuopa kontribuo, kolektiva ĝuo". Sub la aŭspicio de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo kaj Esperanto-Societo de Bauru, kun altvalora apogo de Eldonejo Oportuno kaj "Centro Hermes de Educação Superior" (kies direktoro, S-ino Dina L. Andreani, estas aktiva loka Esperantistino kaj pendigis imponan afiŝon kun la foto de Zamenhof sur muro de sia laborĉambro), la 4ªn Ŝtatan Kongreson partoprenis ĉirkaŭ 110 gesamideanoj el ses brazilaj ŝtatoj. La solena malfermo okazis ĉe Domo de Advokatoj, kun la ĉeesto de reprezentanto de la Urba Konsilantaro kaj la Urbestro, S-ro Rodrigo A.A. Mendonça, kiu paroladis pri la temo "Mediprotektado". Post la malfermo, oni aŭskultis gitarkoncerton kaj kortuŝan prezenton de junula koruso UNIMED, kiu ravis la publikon.

Laŭlonge de la tutaj sekvaj tagoj, dum konstante funkciadis bona libroservo kaj budoj por vendado de Esperantoĉemizoj, la kongresanoj povis elekti inter fulma kurso de Esperanto kaj pluraj klerigaj prelegoj: "Rankontoj de Machado de Assis" (F.S.Wechsler), "Meteologio: bazaj principoj pri vetero kaj klimato" (Eni A. Oliveira), "Kiel Diri?..." (P.S.Viana), "Kuriozaĵoj pri la tupia lingvo" (Osmar S Alves), "Iom pri Mnemoniko" (Rogério F. Santos), "Meditado: bazaj principoj por tuja uzado" (Elmir S. Lima), "Teorio pri Gajo, la vivanta planedo" (Luiz G.S.Jardim), "La homo kaj la rido" (J.M.Progiante), "Sukcesa enrigardo en molekulojn – la brazila sinkrotono" (J. Piton), "La Esearo de Waringhien" (F.Pessoa), "Vortaroj kaj lingvo" (G.Mattos) kaj "Internacia Amikeco" (Isis O. Piton), "Esperanto por la ekstera publiko" (A. Prado). Antaŭ la fermo de la kongreso, sub gvidado de J.M. Progiante, la kongresanoj vigle diskutis pri la temo de la kongreso, kun emfazo pri la komunaj trajtoj de la Esperantomovado kaj la Mediprotekta Movado. Laŭdinda iniciato de la organizantoj estis livero de kajero al ĉiuj enskribiĝintoj, kun la tekstoj de ĉiuj prelegoj. Ekster la programo, oni havis la eblecon spekti partoprenon de S-ro José S.Simas en la virtuala komunumo "Dua Vivo". Cetere, la luksa kongresejo disponigis senpagajn komputilojn kaj projekciilojn en ĉiuj ĉambroj, kun libera aliro al interreto. Je la dimanĉa vespero oni ĉeestis artajn prezentojn: kantojn, deklamadon kaj orientajn dancojn. Dum la ferma kunsido oni spektis belan filmon pri la urbo Bauru kaj omaĝis S-inon Dina L Andreani. Oni krome omaĝis ĵus forpasintajn gesamideanojn Maria Almada kaj Sylla Chaves – kaj la pioniron Ivon Barbosa, kiu longe aktivis em ĉi tiu urbo. Oni elektis la urbon Piracicaba por la 5ª Ŝtata Kongreso en San-Paŭlo.

Varman gratulon al la organizintoj!

### CONGRESSO DE ALTO NÍVEL EM SÃO PAULO

De 10 a 12 de outubro de 2009 aconteceu em Bauru/SP o 4º Congresso Estadual de Esperanto, com o tema "Proteção Ambiental: contribuição individual, proveito coletivo". O evento, promovido pela Associação Paulista de Esperanto e Sociedade Esperantista de Bauru, foi sediada pelas excelentes instalaçõe do Centro Hermes de Educação Superior (graças ao prestígio de sua Diretora, a Esperantista Dina Andreani), com apoio da Editora "Oportuno". A solenidade de abertura deu-se na Casa do Advogado, com presença de autoridades, inclusive do Sr. Prefeito Rodrigo Mendonça, que proferiu a palestra de abertura do evento.

Durante o congresso funcionaram bons serviços de livraria e venda de camisas alusivas ao Esperanto. Excelentes palestras de alto nível agradaram ao público: "Contos de Machado de Assis", "Meteorologia: princípios básicos sobre o tempo e o clima", "Como dizer?...", "Curiosidades sobre a língua tupi", "Um pouco de Menemônica", "Meditação: princípios básicos para uso imediato", "Teoria de Gaia, o planeta vivo", "O homem e o riso", "Um olhar sobre as moléculas – o sincroton do Brasil", "Os ensaios de Waringhien", "Palavras e Língua", "Amizade Internacional", "Esperanto para não-esperantistas". O Esperantista bauruense S. Simas disponibilizou demonstração do funcionamento do sítio virtual "Segunda Vida", em Esperanto. Antes do encerramento, J.Progiante dirigiu debate com o público sobre o tema do congresso. Dois momentos de arte brindaram os participantes com música, declamação e dança oriental. Receberam homenagens a Esperantista local Dina Andreani e, postumamente, Sylla Chaves, Ivon Barbosa e Maria Almada. Foi escolhida a cidade de Piracicaba para o 5º Congresso Estadual de Esperanto, em 2010.

**Estamos em outubro: não se esqueça de renovar sua adesão à Liga Brasileira de Esperanto!**

**La jarfino proksimiĝas... Rekotizu por BEL!**

BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Oktobro n-ro 10/2009

## UNU PLIA GRAVA VIDEOKONFERENCO DE NIA LIGO

Jen ni transskribas informon de D-ro Rogério Carneiro, Ĝenerala Direktoro de la Centra Oficejo de Brazila Esperanto-Ligo:

> *"Je la 27ª de novembro 2009, de la 9ª ĝis la 12ª horo, B.E.L. okazigos sian 2-an videokonferencon pri Esperanto. La eventon aŭspicios la Brazila Senato, danke al apogo de Senatano Cristóvam Buarque. Oni petos, ke ĉiu Ŝtato de la Federacio transsendu ĝin, kondiĉe ke lokaj Esperantistoj esprimu sian intencon partopreni, se estos teknikaj kondiĉoj. Oni esperas, ke ĉiuj brazilaj ŝtatoj montros sian intereson, cele al atingo de la graveco de la konferenco, favore al nia movado. Parolados la menciita Senatano kaj Prof-ro José Passini, Prezidanto de nia Ligo. Eblos inviti aliajn eminentajn homojn por kunsido."*

## ESPERANTO-KLUBO EN TRÊS RIOS/RJ RICEVIS OFICIALAN TITOLON

La 29-na de septembro 2009, la urba Konsilantaro de Três Rios/RJ, pro iniciato de Konsilanto Robson de Oliveira Souza (drrobson@cvtr.rj.gov.br), unuanime atribuis la titolon pri publika utileco al la loka Esperanto-klubo. Ĉeestis la ceremonion dek unu geesperantistoj, kaj la Prezidanto de la klubo, Jorge Linck da Silva, paroladis. Li substrekis la kongruecon de la loka urba Konsilantaro kun la Federacia Senato, kiu antaŭ nelonge aprobis leĝoprojekton de Senatano Cristóvam Buarque, kiu normigas instruadon de Esperanto en brazilaj mezgradaj lernejoj. Gratulon al la lokaj aktivuloj!

## "BEL-KONFERENCOJ 2010" EN PIRACICABA

La ĉefa motoro de loka organizado de la "BEL-konferencoj 2010", Guilherme Jadim, sciigas, ke la evento ne plu okazos en la urbo Charqueada, sed en la proksima Piracicaba, kie li sukcesis havigi por la partoprenontoj aparte favoran renkontejon, en la urbocentro. Eblos inkluzive komforte loĝigi la geesperantistojn en la sama loko. La prelegontoj jam estas elektitaj kaj la programon ni baldaŭ diskonigos. Ni atendas amasan partoprenon de la brazila samideanaro. Kiel ĉiuj jam scias, "BEL-konferencoj" ne estas kongreso, sed kleriga evento, kiu instigas ĉiujn partoprenantojn aktive interŝanĝi opiniojn per diskutoj kaj interŝanĝo de spertoj, cele al riĉigo de nia Esperantokulturo. Pliajn infomojn per la retejo de la evento aŭ per guilherme@winart.com.br .

## NOVAJ KURSOJ EN RIO KAJ SAN-PAŬLO

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo komencis novajn klasojn de senpaga, enkonduka kurso de Esperanto en sia sidejo, ĉiusabate: http://www.easp.org.br. En Rio, aktivuloj Djalma Pessata kaj Yan Curvello, post longa klopodado, sukcesis akceptigi Esperantokurson ĉe Popola Biblioteko Machado de Assis, en la tradicia kvartalo Botafogo (str. Farani 53). Ĉe la sidejo de tiu biblioteko jam antaŭe okazis Esperantorekontojn organizitajn de Esperantista Nukleo de Botafogo. La projekton entreprenas ankaŭ Esperantistino Sueli Santos, kun apogo de la direktorino de la institucio, Maria A. Ribeiro. La kursoj komenciĝos en marto 2010. Gratulon!

### VIDEOCONFERÊNCIA

Dr. Rogério Carneiro, informa, que mais uma videoconferência da Liga Brasileira de Esperanto ocorrerá em 27 de novembro de 2009, nas dependências do Senado Federal, com apoio do Senador Cristóvam Buarque. Pede-se que os Esperantistas, em seus estados, solicitem às assembleias estaduas a retransmissão do evento. Participará o Prof. José Passini, presidente da Liga Brasileira de Esperanto. ***O evento, no entanto, deverá ser confirmado, posteriormente.***

### CLUBE DE TRÊS RIOS/RJ RECEBE TÍTULO DE UTILIDADE PÚBLICA

Em 29 de setembro último, a Câmara de Vereadores daquela cidade outougou o título, por iniciativa do Vereador Robson O. Souza, por votação unânime. Um grupo de Esperantistas compareceu à cerimônia e o Presidente do clube, Jorge L. Silva, fez uso da palavra, lembrando a consonância da decisão local com o projeto de lei do Sen. Cristóvam Buarque, recentemente aprovado no Senado Federal, em favor do ensino do Esperanto no Brasil.

### "BEL-CONFERÊNCIAS 2010" EM PIRACICABA

Guilherme Jardim, responsável local pela organização do evento, informa que a próxima "BEL-conferências 2010" vai acontecer em Piracicaba/SP e não mais em Charqueada, como anunciado antes. A mudança se deve a exepcionais condições de hospedagem obtidas na primeira cidade. As conferências da Liga, evento cultural que começa a se firmar no movimento esperantista brasileiro, estará em sua terceira edição. Informe-se: guilherme@winart.com.br .

### NOVOS CURSOS NO RIO E SP

A ativa Associação Paulista de Esperanto abre novos cursos introdutórios de Esperanto, neste mês de outubro. No Rio, a Biblioteca Popular Machado de Assis, em Botafogo, aceitou abrir cursos equivalentes em sua sede, à R. Farani 53.

**Novjara aranĝo de BEJO** **de la 5a ĝis la 9a de januaro 2010 en Charqueada/SP**

*http://bejo.esperanto.org.br/nova2010.html#obs*